ESPERANTO EN AFRIKO

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA

Numero 3
(2014: 3)



Karaj gelegantoj,

*En la nuna mondo, kie homoj pli kaj pli informiĝas ĉerete, iuj sin demandus pri utileco de papera versio de bulteno de la Afrika Komisiono de UEA. La respondo estas tute simpla: ĉiuj ankoraŭ ne aliras tiun retan kaj virtualan mondon. Papera versio de tiu bulteno ankoraŭ atingos homojn, ĉefe tiujn kiuj rekte aŭ nerekte apogas finance la agadon en Afriko. Eĉ en Afriko, ĉiuj ne povas facile legi novaĵojn ĉe retkafejo. Al tiuj, kaj certe al aliaj kiuj preferas la retan informilon, jen la 23a numero plena je kutimaj informoj ĉefe de afrikanoj. Ĉiuj komentoj aŭ kritikoj konstruaj estas bonvenaj ĉe adreso de la afrika oficejo de UEA (afrika.oficejo@gmail.com).*

*La redaktanto*

## I- Mesaĝo de vic-kunordiganto de AK

La vento de seminarioj pri aktivula maturigo (AMO) pli kaj pli blovas sur la eŭropa kontinento, kaj ĝi tre baldaŭ atingos Afrikon, en Togolando. Elekto de tiu lando por aranĝi tian seminarion estas celtrafa, ĉar tie troviĝas ne nur aktivaj esperantistoj, sed ankaŭ modeloriĉa estas ties surloka strukturo kompare al tiu en multaj afrikaj landoj. La temo de la seminario estas ankaŭ celtrafa : kiel gvidi klubon? Estonto de la movado en Afriko vere dependas de la kapabligo de afrikanoj por efike gvidi surlokan klubon. Sen efike funkcianta loka klubo, neniu landa asocio povas efike funkcii. Sen efike funkcianta landa asocio, neniu alia asocio kontinentskale povas efike funkcii. Dum tiu seminario partoprenontoj certe (espereble) lernos kiel fari decidojn surbaze de propra rimedo kaj de loka realeco sen forgesi la ĉefan celon de Esperanto. Estas evidente, ke klubo loka en Afriko ne povas daŭre kaj eterne kalkuli nur je helpo de eksterafrikanoj. Homoj en la okcidenta mondo daŭre alfrontas proprajn problemojn, ĉefe ekonomiajn, kaj ne plu aŭtomate helpas aliajn. EĈ tie troviĝas ankaŭ nepogipovaj esperantistoj. Sekve, esperantistoj kiuj bezonas helpon ne nur restas en Afriko, sed ankaŭ en Eŭropo, Ameriko, ktp. Pro tio la ĝisnuna strategio (dum la pasintaj dudekaj jaroj) ne plu taŭgas. Kiam la muziko ŝanĝiĝas, evidentiĝas ke la dancpaŝo devas ankaŭ ŝanĝiĝi. Espereble el la seminario en Togolando naskiĝos ia pli efika strategio. Tio estos komenco de ia modelo efika por la movado kaj por la sekvontaj seminarioj en landoj kiel Kongolando, Burundo, ktp. kie la asocio pli kaj pli vigliĝas. Tian seminarion Afriko

ege bezonas por enradikigi sian agadon. Ideale estus, ke aldone al kontribuo financa de UEA, surlokaj esperantistoj povus ankaŭ kontribui, por ke aranĝo de io tia ne ĉiam tute dependu de la kontribuo de eksterafrikanoj.

Jean Codjo

## II- Afriko kaj “Montevideo 60”: Letero de UEA al DKEA

Estimata Demokrata Kongolanda Esperanto-Asocio,

En decembro 1954, en sia Ĝenerala Konferenco en Montevideo, Unesko akceptis la faman rezolucion, per kiu ĝi agnoskis la kontribuojn de Esperanto al ĝiaj agadkampoj (edukado, scienco kaj kulturo). UEA nun alvokas al komuna festado de la Jaro "Montevideo 60," por marki tiun signifan datrevenon kaj por elstarigi la rimarkindan progreson de la lingvo sur tiuj kampoj en la lastaj 60 jaroj. Ni antaŭvidas, ke tra la jaro okazos diversaj projektoj kaj eventoj kun aparta atento al la eduka, scienca kaj kultura valoroj de Esperanto. Temas iusence pri tutmonda kultur-festivalo kiu disvolviĝos en multaj diversaj formoj kaj lokoj.

Kiel via propra asocio povos kontribui al tiu ĉi unika evento?

Nu, unuavice, per retrorigardo al la pintaj atingaĵoj de la lastaj jardekoj sur via faka tereno aŭ en via lando. Pensu ekzemple pri kontribuoj al la originala kaj tradukita E-literaturo, pri alispeca kultura kaj scienca agado, pri elstaraj instruistoj kaj kursoj, pri la uzado de Esperanto sur novaj terenoj, pri la rolo de la amaskomunikiloj (radioj, podkastoj ks.), pri la Interreto. Kiel vi povus resumi tiujn ses jardekojn por la novaj generacioj, kiuj ne travivis ilin? Kiuj laŭ vi estas la plej notindaj kaj neforgesendaj atingaĵoj de tiu periodo? Kiel teni ilin vivantaj kaj alireblaj por la nuntempo.

Due, kiajn aranĝojn vi povas antaŭvidi por la Montevideo-jaro, kies kulmino estos sendube la 100a Universala Kongreso en Lillo, sed kiu povos ampleksi pliajn eventojn kaj projektojn ĝis la fino de la jaro 2015?

Ĉu eblas marki la Jaron per speciala seminario, kultura programo, kurso aŭ preleg(ar)o, aŭ per eldono de artikolserio, retpaĝaro, libro aŭ podkasto? Ĉu eblus kunmeti intervjuojn pri la lastaj 60 jaroj kun esperantistaj veteranoj kaj aktualaj gvidantoj?

La Jaro servu por konsciigi/klerigi membrojn de la E-komunumo pri niaj tradicioj kaj atingaĵoj, por stimuli la organizadon de novtipaj aranĝoj kaj projektoj, kaj por montri tiujn atingaĵojn al neesperantista publiko, aparte informante kaj invitante Unesko-respondeculojn al la koncernaj eventoj. La informoj divastiĝu ne nur en E-revuoj, sed ankaŭ ĉe televidkanaloj, radiostacioj kaj retradioj - ne sole E-lingvaj.

Por kontribui al la realigo kaj kunordigo de la Jaro, ni petas, ke via asocio ĝis la mezo de oktobro elektu respondeculon kaj anoncu tiun al ni. Ni antaŭvidas, ke el la reciproka informado kaj kunplanado de aktivuloj el la tuta mondo la Jaro povos ludi unikan rolon en nia kultura evoluo. Tiu procezo jam nun komenciĝas, do ni petas vin senprokraste elekti vian propran reprezentanton en tiu procezo.

Aparta artikolo kun pliaj detaloj pri la Jaro „Montevideo 60” aperas en la oktobra numero de la revuo

„Esperanto”.

Atendante vian baldaŭan reagon kore vin salutas,
Mark Fettes, prezidanto de UEA
Barbara Pietrzak, UEA-estrarano pri la Jaro „Montevideo 60”

# III- Agade tra Afriko

## A- Benino : unu plia klubo




La nestabila situacio de gejunuloj, ĉefe geknaboj en Afriko igas la kluban agadon tre malfacila: kluboj fondiĝas kaj malfondiĝas surbaze de disponebleco de geknaboj kiuj loĝas en regiono, kie estas la klubo. Kiam homoj transloĝiĝas, ofte ili fondas novan klubon kun novaj geamikoj kaj la malnova klubo iom post iom malaperas. Tiel kreiĝis la 11an de septembro 2014 plia nova klubo, nome Vivi Kun Esperanto (VKE) en vilaĝo Koĝi, proksime de Lokossa. La du fondintoj estas membroj (Bernard kaj Emile) de la estraro de BOJE, la junulara sekcio de la movado en Benino. Estis 20 ĉeestantoj, ĉiuj membroj de la nova kluboj, kaj iamaj gelernantoj de la lernejo Jules Verstraeten. Isidore estas la tutunua sekretario de la klubo. Li promesis daŭre vigligi la agadon de la klubo. Ni esperu, ke ĉi-foje la klubo ne plu malaperos pro manko de agado aŭ de konstanta aktivado. Alia bela novaĵo estas ke inter la membroj estas ankaŭ knabinoj. Espereble ili restos kaj agadas por la klubo. Unu el la celoj de tiu nova klubo estas resti en kontakto kun pliaj beninaj kluboj, por ke BOJE estu pli aktiva. La sukceso de BOJE dependas de tiu de kluboj en Benino. Se junulara sekcio de iu landa asocio estas agade forta, tiu de la tuta Afriko estos forta.

Bernard Gnancadja

## B- Kenjo : la movado reaktiviĝas




Antaŭ kelkaj monatoj samideano Elisee Byelongo, esperantisto el Sudafriko relanĉis la dormantan movadon en Kenjo. Sekve al tio, la tiea aktiva esperantisto, Evans Ochoki aranĝis kunvenon en kiu ĉeestis 24 homoj. Ĝi okazis en Nandi Hills. Oni kaptis okazon por lerni unu de la alia kelkajn gramatikaĵojn pri la lingvo. Apartan dankon esprimis Evans al Ŝarifa kiu helpis al sukceso de tiu aranĝo. Kenjo estas sufiĉe granda lando, pro tio ne ĉiuj povis ĉeesti. Homoj el Najrobio, kie estas la klubo kreita de Elisee, helpe de surlokuloj, ne povis atingi Nandi Hills. Evans promesis aranĝi plian renkontiĝon por ke ĉiu povu veni.

Li deziras ke iam atingu Kenjon bonaj Esperanto-instruistoj eksterlandaj, por ke surlokaj esperantistoj povu lerni de ili.

AO

## C- Kongo DR : DKEA agnoskita de UNESKO



DKEA estas unu el la plej aktivaj landaj asocioj dum la lastaj du jaroj : ĝi regule aranĝas seminarion, kunvenon, manifestaciojn por la publiko, ĉu ĉe elsendstacioj, ĉu por surlokaj internaciaj organizoj kiel UNESKO. Tian sukceson ĝi certe ne atingus sen sindediĉo de surlokaj aktivaj esperantistoj interalie Viktor Lufimpu kaj multaj aliaj homoj ĉu en Kinŝaso, ĉu en la fora regiono de Kivuo. Kompreneble estas ankaŭ en Kongolando multaj aliaj esperantistoj kiuj agadas ekster la kanalo de UEA, ricevas helpojn ĉiuspecajn de diversaj eksterafrikaj organizoj, ĉu el Belgio, Francio, ktp. Ne gravas fonto de la helpo, sed gravas ke la helpo ne estu fonto de disiĝo inter kongolandanoj.

Agnosko de DKEA fare de UNESKO estas la pinto de tiu sukceso, kaj ĉiuj kongolandanoj devu fieri pri tio. Ni scias, ke grava malhelpo ĉiam restas financa rimedo, kiel en ĉiuj afrikaj landoj. Sed la plej grava malhelpo estas la malfacila kunlaborado inter surlokaj esperantistoj. Malgraŭ tiu malfacilaĵo, homoj kiel Viktor kaj la estraranoj de DKEA iel sukcesis funkciigi ties strukturon. Gratulon kaj plian sukceson al DKEA! Ni esperu, ke esperantistoj en Kongolando, egale en kiu regiono ili loĝas, memoru eron de la parolado de reprezentanto de UNESKO en Kinŝaso, Sinjoro Liema Ibongo-Botie Lazare. Tiu menciis en sia parolado ke «… esperanto faciligu liberan fluon de homoj kaj de ideoj kiu ebligas proksimigon de popoloj diversdevenaj… ». Mi certas, ke li ankaŭ intencas mencii pri proksimigo de homoj el diversaj etnoj.

AO

## C-1 : Togolando: relanĉo de kunlaboro UTE-UNESCO

Kiel prezidanto de Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE), mi ĵus telefonbabilis kun s-ro Akoété Ayao Kougblenou, ĝenerala sekretario de la nacia komisiono por UNESCO en Togolando, por kundecidi pri rendevuo. La renkonto okazos en lia laborejo, kaj ni pridiskutoj relanĉon de la rilatoj inter la nacia komisiono por UNESCO kaj UTE kaj pri la agadoj "Montevideo 60".
Notindas, ke UTE ekde la 1988-a jaro havis kunlaborajn rilatojn kun la nacia komisiono por UNESCO, sed tio malvarmiĝis iom pli poste… Eĉ unu el la eksprezidantoj de UTE estas multe pri proksime al la komisiono por UNESCO en Togolando, ĉar li estas la prezidanto de unu el la rektaj kunlaboraj organoj de la komisiono.
Temas pri s-ro Afantchao-Biakou Yao Raymondo, prezidanto de UTE ĝis 2000-aj jaroj.
Raporto pri la intersanĝoj kun s-ro Akoété Ayao Kougblenou disponiĝos en venonta numero de tiu-ĉi bulteno.

Adjé Adjévi

## D- Togolando : La 10a datreveno de Instituto Zamenhof



Ni estis ĉirkaŭ 140 homoj kiuj respondis ĉeeste al la invito de TIETo, okaze de la dekjara jubileo de la lernejo Instituto Zamenhof (IZo) sabate, la 13-an de septembro 2014.

Fakte estas danke al tiu asocio – TIETTI Instituto de Esperanto en Togolando (TIETo), ke IZo estis fondita en la Togolanda ĉefurbo ekde la 2004-aj jaroj. Estis okazaĵo dum kiu mal- kaj novaj gelernantoj, gepatroj de lernantoj, personaro de la lernejo, estraranoj de la Landa Asocio UTE kaj amikoj renkontiĝis.

La bonvenigo en la festaj aktivaĵoj estis fakte tre varma flanke de la stevardinoj, kio ebligis al invititoj tuj ekscii ĉe kiu tablo sidiĝi, ĉar estis multaj tabloj kaj pluraj kategorioj de gastoj. La sinteno fakte ebligis pasigi bonajn momentojn kaj agrablajn interŝanĝojn.

Kanta kaj danca prezentoj de la lerneja ĥorgrupo, kantprezentaĵo de la muzikgrupo CPC, bonveniga parolado de la pedagogia direktoro de IZo, parolado de la reprezentanto de eksaj lernantoj de IZo, deklamo de poemoj, parolado de la prezidanto de la asocio de gepatroj, kantprezento de profesia kantisto, voĉlegado de ricevitaj salutmesaĝoj, prezento pri la historio de IZo, diversaj ludoj, prezento de la internacia lingvo, disdono de premioj kaj sukcesatestoj al la partoprenintoj de la feriaj kursoj, donacaĵo al la pedagogia respondeculo de la elementa lernejo… jen ĉio, kio konsistigis la festan programon.

Poste sekvis projekciado de filmoj, en kiuj sekvencoj pri la vivo ĉirkaŭ IZo estis montritaj. Samperiode, la tagmanĝo konsistas el kelkaj lokaj specialaĵoj, pladoj kiujn oni volonte gustumis, dum la konversacioj viglis laŭmezure kiel la bildoj paradis ĉe la ekrano starigita meze de la festejo. Ĉiu povis ĝui la diversajn prezentaĵojn kaj ŝati la talentojn de la gelernantoj, de artistoj kaj de la kuiristinoj.

IZo fakte estas privata nekomerccela lernejo kun ĉirkaŭ 600 lernantoj ĉiujare. La lernejo instruas la oficialan lerno-programon en Togolando, sed ĝi krome aranĝas kursojn de Esperanto ne nur por siaj gelernantoj, sed ankaŭ por ĉiuj eksteraj personoj kiuj interesiĝas pri la lernado de la internacia lingvo Esperanto.

La fondintoj de IZo ne pretas resti je la nuna etapo. Ili havas aliajn ambiciojn por pli kaj plue evoluigi tiun unikan lernejon. Ili, ekzemple, deziras krei mezlernejon, kies komencan paŝon konsistigos subtenkursoj en diversaj lernobjektoj al lernintoj de IZo nun en liceoj. Plie ili ankaŭ intencas fari de IZo metiejon por gelernantoj, kiuj ne havas la rimedojn daŭrigi la studon post la finlernado en la lernejo, dum Esperanto-programoj pluiros sine de la lernejo.

Adjé Adjévi

# IV- El nia leterkesto: mesaĝo de UEA al burundanoj

Kara Sabiyumva Jérémie,

Kun ĝojo mi informiĝis pri la malfermo de Esperanto-Centro en Rumonge, Burundo.
Kiel estrarano pri Esperanto-centro de UEA, mi kore gratulas la naskiĝon de nova Esperanto-centro sur terglobo. Mi vidas, ke la rolo kaj funkcio de Esperanto-centro estas tre grava por klerigi esperantistojn kaj kiel nesto de Esperanto-evoluo.
Mi nun kolektas informojn pri Esperanto-centroj, kiuj nun ekzistas kaj funkcias en esperantujo kiel alkroĉaĵo.
Por dividi niajn spertojn de Esperanto-centroj, mi planas havi fakan kunsidon en la Bonaera UK.

Aparte mi kore dankas al s-ro Johan Derks kaj s-ino Klarita Velikova, kiuj multe kaj brile kunlaboris kun esperantistoj en Brundo por hodiaua sukceso . Se ne estus viaj kontribuoj, vere hodiaŭ malfermo de la centro estus neebla.
Kun espero, ke tra la mondo de loko al loko naskiĝos simila la Esperanto-centro en Rumonge, Burundo, mi sendas varman aplaudon al s-ro SABIYUMVA Jérémie kaj al ĉiuj esperantistoj koncernataj.

Amike via, LEE Jungkee (estrarano de UEA)

## V- Vidpunkto : Agadi per Esperanto, ĉu tio pli efikas por la movado?

Esperanto estas kaj restas hobio por multaj esperantistoj, ĉefe el la okcidenta mondo. En alia parto de la mondo, ekzemple en Sudameriko, Afriko, ktp. Esperanto povas esti oportuna vojo por kelkaj homoj sopiri al plibonigado de propra vivnivelo. Egale de kiu socia tavolo oni devenas, estas klare ke ĉiu havas ian celon ekster tiu rilate al la komuna celo : neŭtrala lingvo por alproksimigi diversajn popolojn. Estas ankaŭ certe, ke hobiantoj kaj serĉantoj de bona vivnivelo ne havas saman strategion. Tamen, se pere de la helpo de hobianto, iu en Afriko povas havi la eblecon studi, ĉu ĉe la universitato, ĉu ĉe la bazgrada lernejo, tio ja estus bona por la movado. Estas nur grave ke la ricevinto de la helpo ne konsideru tion kiel senfinan aŭ neelĉerpeblan fonton de helpo. Estas ankaŭ grave oni ne konsideru tiun ricevon de helpo kiel kompenson post lernado de Esperanto. Kompreneble, se estus almenaŭ unu sola Bill Gates en nia movado, eble estus tiom da mono por helpi ĉiujn esperantistojn nepagipovajn. Bedaŭrinde, tiom da Bill Gates ne ankoraŭ disponiĝas. Sed intertempe, estis modestaj esperantistoj kiuj kontribuis al plibonigado de vivnivelo ĉe multaj geknaboj de nepagipovaj gepatroj en la mondo. Inter ili estas geknaboj en la vilaĝo de Koĝi, kie estas lernejo konstruigita per financa helpo de esperantistoj. En Burundo ankaŭ estas biblioteko konstruigita per helpo de esperantistoj. Ekzemploj en aliaj partoj de la mondo certe abundas, sen forgesi tiun (IZO) en Togolando. Geknaboj el tiaj lernejoj, interalie Jules Verstraeten en Benino, eĉ se ili ne ellernas la lingvon, certe scias pri Esperanto kaj eble iĝos tre aktivaj esperantistoj. La helpo al geknaboj el tiu lernejo fondita en 1999 ne nur venas de esperantistoj, sed ankaŭ de homoj kiuj antaŭe sciis nenion pri la lingvo kaj nun informiĝas ke la lernejo, kiun ili subtenas, permesas al geknaboj lerni iun lingvon kiu kontribuas al komunikado inter diversaj popoloj. La subteno ankaŭ permesis al tri knaboj (Bernard, Boris kaj Norbert) studi ĉe la nacia universitato en Benino. Mi ne havas statistikon pri kiom da tiaj bonkoraj neesperantistoj finfine eklernas la lingvon, sed almenaŭ mi konas kelkajn kiuj trovas la ideon pri Esperanto tre bona. Eble tio povus esti unu el la solvoj por membro-varbado.

Jean Codjo

# VI- Humaneca tago :mesaĝo de Ban Ki-Moon

Okaze de la Monda Humaneca Tago ni renovigas nian sindevontigon plue kontribui al la savo de vivoj, kaj pensas pri tiuj, kiuj perdis la sian servante tiun noblan celon.

Dum la pasinta jaro pli da humanecaj laborantoj estis forrabitaj, severe vunditaj au murditaj ol iam ajn antaue. Tio vekas indignon.

Dum la lastaj semajnoj pluraj dekoj da humanecaj agantoj, inkluzive de UN-kunlaborantoj, mortis en Sud-Sudano kaj en Gazao. Tro multaj homoj mortis au suferis pro intencaj atakoj.

La humanecaj laborantoj kaj iliaj familioj estas plej trafitaj de tiuj krimoj. Sed, konsekvence suferas ankau milionoj da aliaj personoj.
Atakoj al humanecaj laborantoj malhelpas la senesperajn personojn ricevi la necesan helpon por pluvivo. Infanoj ne povas esti vakcinitaj. Malsanuloj kaj vunditoj restas sen prizorgado. La personoj, kiuj devis forlasi sian hejmon, restas sen manĝajho, akvo kaj loĝeblo, elmetitaj al agresoj, malsanoj kaj aliaj minacoj.
En Ĉi tiu Monda Humaneca Tago ni omaĝas la heroajn humanecajn laborantojn, kiuj malgrau la danĝeroj alportas sian helpon al la bezonantoj.
Ni pensu pri iliaj oferoj kaj pri la milionoj da homoj, kiuj atendas ilian helpon por sia pluvivo.
Ni omaĝu al tiuj kiuj forpasis, per protektado de tiuj, kiuj daurigas la laboron, kaj subtenante humanecajn help-agadojn tutmonde.

Ban Ki-Moon

## VII- Nekrologo

André Ntiruvahirya, aktiva kontakthomo de UEA en Ugando dum la pasintaj kvar jaroj forpasis subite la 29an de augusto 2014. Kvankam ugandano, André devenas el Burundo kaj studis en Tanzanio. Jen per unu paragrafo pli kompleta priskribo de André fare de Jeremie, membro de AK : « En 2010, li kun 4 kenjanoj partoprenis en seminario de Esperanto okazinta en Bubanza(Burundo) kaj ege kontribuis en la starigo de Mezorienta Esperanto Federacio. Ni perdis energiplenan junulon kaj mi ne vidas estontecon de la Uganda movado ĉar ĝi ankoraŭ estis juna kaj li estis ĝia motoro. Ni perdis gravan personon en la orienta afrika komunumo. Dio gardu lin apud si. »

## VIII- Alvoko por donaco al fondaĵo AFRIKO

Evoluo kaj enradikigo de la Esperanto-movado en Afriko ankoraŭ dependas de la malavareco de la internacia komunumo, ĉefe el la okcidenta mondo kiu, de jaroj, donacas al la Fondaĵo Afriko. Sen tiu helpo, la movado afrika certe suferos kaj eble malaperos. La Afrika Komisiono de UEA petas pliajn donacojn al la fondaĵo, por ke ties laborplano estu plenumata. Eblas rekte kontribui perrete alklakante jenan ligon : http://db.uea.org/alighoj/donacoj.php Afriko kalkulas je via helpo por evoluo de ties movado.

## IX- Konkurso : Premio Maŭro La Torre

### **Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj – ILEI** kunlabore kun la **Familio La Torre**

anoncas konkurson pri esplor-laboro en unu el la kampoj, en kiuj laboris la karmemora prezidanto de ILEI, Profesoro **Mauro La Torre** (1946-2010). En 2011 la Komitato de ILEI elektis Profesoron Mauro La Torre Honoran Membron.

**La esplor-kampoj estas:**

- Aplikoj de lingvoteknologio al Esperanto kun rezultaj vortaroj aŭ pli ĝeneralaj lingvosciencaj pritraktoj
- Interkultura edukado per Esperanto
- Instruado de Esperanto kaj iloj por instrui Esperanton
- Perfektigaj kursoj por instruantoj de Esperanto
- Retaj kursoj pri Esperanto
- Evoluo de la vorttrezoro de Esperanto tratempe kaj nuntempe

La kandidato anoncu sian intencon partopreni kaj sian temon ĝis la unua de Januaro 2015.
La ILEI estraro kaj la familio La Torre tiam starigos juĝ-komisionon en rilato kun la temo de la esplor-laboro.
La esplor-laboro devas esti dokumentita kaj priskribita en raporto de almenaŭ 20 A4-paĝoj, maksimume 30 paĝoj.
La laboraĵo estu transdonita en reta formo al ilei.prezidanto@gmail.com ĝis la 30-a de Aprilo 2015 por la unua okazigo de la konkurso, kaj en papera formo po unu ekzemplero al la familio La Torre, al ILEI kaj al la ĵurio (la kandidato ricevos la stratadresojn de la ricevontoj) (entute kvin ekzempleroj).
La anonco pri la gajninto okazos antaŭ la 30-a de Junio 2015.
La gajninto devos sendi ok paperajn ekzemplerojn de sia laboraĵo, tio estas po unu, al diversaj gravaj bibliotekoj en la mondo laŭ la programo de ILEI "Ni Savu Niajn Semojn".

## La premio konsistas el sumo de 500 EUR.

ILEI retenas al si la rajton eventuale aperigi la gajnintan raporton.

La premio estos transdonita la unuan fojon en la jaro 2015 okaze de la 48-a ILEI-Konferenco en Oostende, Belgio, kaj anoncita dum la 100-a Universala Kongreso de UEA en Lille, Francujo.

La konkurso okazos poste ĉiun duan jaron. En ĉiu konkursjaro la premio estos transdonita en la tiujara konferenco de ILEI kaj pli vaste prezentita en la samjara Universala Kongreso de UEA.

Ekzistas interna regularo inter ILEI kaj la familio La Torre pri la starigo, konsisto kaj laboro de la ĵurio.

Les Brenets 2014-08-16